AE111

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **11/05/2013 Cent dek unua Eldono 11/05/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo, **Programlisto** 9 Apr 2012 http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html
http://esperantaretradio.blogspot.co.at/



Kiu regule partoprenas en E-renkontiĝoj - kutime tio okazas unu- ĝis dufoje jare - povus kredi ke jam tio kondukas al bona regado de la lingvo. Kaj se tiu sama homo estas abonanto de iu periodaĵo en Esperanto, tiam tiu kredo povas eĉ esti pli granda. Tamen ambaŭ ne sufiĉas: La partopreno en unu aŭ du aranĝoj jare lasas grandajn tempajn truojn dum kiuj oni ne aŭdas kaj ne parolas la lingvon. Legi oni ja povas dum la tuta jaro, sed la legado mem ne multe influas la parolkapablon.

Por atingi fluecon de la lingvo necesas regule almenaŭ aŭdi ĝin. Tio ja eblis dum la pasintaj jardekoj se oni aŭskultis radioelsendojn en Esperanto. Bedaŭrinde en la epoko de la mallongondaj elsendoj la plezuro kaj la sekva lernefiko estis minimumaj. Nur kiam la elsendoj disaŭdiĝis persatelite tio decide ŝanĝiĝis. Por mi tio estis vere granda paŝo antaŭen. Kaj kiam la elsendoj fariĝis ankaŭ aŭdeblaj en la interreto, oni povis aŭskulti ilin en la tuta mondo. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

La Esperanto-ŝlosilo estis bonega ilo por propagandi Esperanton en la frua tempo.

Oni skribis leterojn, metis la taŭgan ŝlosilon kune en la koverton, kaj sendis la leteron al fremduloj.

Sekvas bildoj de kelkaj ŝlosiloj kiuj estas en la biblioteko de AEA

Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

**La Manlia Esperanto-Klubo**. unua kaj tria Sabato. 10atm Roger Springer 02 9976 0632 4/5 venis 5

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafklubo Kvara Sabato 3ptm

Esperanto-Grupo de Centra Marbordo Dua Dimanĉo 2ptm

La Tasmania Esperanta Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo Sidnejo Lasta Dimanĉo 12tm Roger Springer 02 9976 0632

Torkio Esperanto-Kafo-Klubo – Viktorio Lasta Dimanĉo 12tm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio (La Adelajda Esperanto-klubo.) unua merkredo 08 8242 1460

Adelajda Esperejo ĉiun sabaton 10.30 atm ĝis tagmezo tel 08 8359 3375

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Australia Meetup group.

**Sydney Language Festival 2013**

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO

SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO

MELBURNA ESPERANTO-KAFO-KLUBO

GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ

MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO

TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

Estontece, mi montros la ne novajn klubinformojn nur en la dekaj eldonoj. Novan informon, novaĵon, fotojn, mi montros en la venonta AE post ricevado.

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 10:30atm

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/



Cetere, mi partoprenos la lingvan festivalon, la 1-an de junio. Mi esperas vidi vin tie aŭ dum la venonta tago ĉe Esperanto Domo.

Plej amike, Sandor

# AEA Informas

# Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-05-09 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (09/05/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee kaj Sandor.
(Margaret havis/as komputilajn problemojn)
Jen la ĉefaj rezultoj:

*__Niaj aĵoj__
Finfine, nia arĥivo de Fort Knox estas en Esperanto-Domo en Sidnejo.

*** Libroj de Penny**
Ni decidis nuligi la ŝuldojn de Penny. Kompense, Penny donos al AEA 200 ekzemplerojn de sia lernolibro: “Talking to the Whole Wide World”

***Venonta Kongreso – januaro 2014 en Kanbero**
Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de januaro en Kanbero.
Sandor kaj Huigh mendis la kongresejon: **Ursula Hall** en Kanbero.
(http://ursula.anu.edu.au)
Ni baldaŭ decidos kiu(j)n instruisto(j)n ni invitos. Ni devas kunordigi kun la novzelandanoj.
Ni ŝatus allogi junulojn kaj universitatanojn.

Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu eksiĝo nuligas respondeco?

## Vintra Lernejo en Junio



Saluton de la Sheidow Park Vintra Lernejo! Vidu sube rapidan mesaĝon pri propono por okazigi malferman vespermanĝon en Adelajdo vendredon la 7an de junio por ke ĉeestantoj povu kuniĝi, babiladi, kaj, espereble, aŭskulti interesan paroladon de eminenta gast-parolanto [ankoraŭ ne invitita :-)]. RETPAĜO por la vintra lernejo http://www.esperanto.com.au/

Gordon Coleman

Tre malofte mi ne ricevis senditajn mesaĝojn. Se mi ne uzis aŭ respondis al via mesaĝo, resendu mi petas Roger Springer

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





## Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.



Kara Roger,
kvankam mi ĝis nun malmulte kontribuis al via bulteno,
mi gratulas vin pro la iniciato kaj la multe da laboro, kiun ĝi donas al vi.
Trevor

Kara Roger,
Gratulojn pro la konciza listo de E-kluboj kaj -grupoj, sed bonvolu noti ke la detaloj



"unua merkredo 08 8242 1460" rilatas ne al "Adelajda Esperejo" sed al "Esperanto en Sudaŭstralio".
Pli ĝustaj detaloj por "Adelajda Esperejo" estus "ĉiu sabato 10.30 atm ĝis tagmezo tel 08 8359 3375".
Bondezirojn! Max.



Miranda kaj Pasa ĝojegas anonci la alvenon de sia nova filino Jasmin en Marto.
Ŝi kreskas kaj progresas bonege. Dankon al tiuj kiuj sendis bondezirojn.
Jen foto de ŝi kiam ŝi estis 4 semajna!
Miranda Lutz



Dankon Sandor pro la kontentigaj fotoj (AE 110) faritaj en Indonezio.
Ho mia kor' – eĉ gejunuloj partoprenis! Vera.



## 3ZZZ Retradio Melburno *Bezonas helpon*

Saluton,
La 12an de majo okazos eksterordinara kunveno de la membroj de 3ZZZ pri la aĉetado de nova konstruaĵo por translokigi kaj samtempe espereble modernigi la studion.
La 1an de junio okazos la jarkunveno de la Esperanto-grupo en 3ZZZ. Tiuokaze mi ricevis la liston de la pagitaj membroj, kiuj rajtas ĉeesti tiun kunvenon. Ili estas ekzakte 40.
Antaŭ la fino de la monato majo la membreco de ses membroj finiĝos. Ne estas iu kialo por pensi ke ili ne renovigos sian membrecon. Tamen 40 estas la limo, sub kiu ni perdas la rajton elsendi.
Se vi foje aŭskultas niajn elsendojn kaj ĝuas ilin , bonvolu konkrete esprimi vian aprobon per membriĝo. La Esperanto-grupo en 3ZZZ bezonas vian subtenon.

La kunvokanto kaj teamo de la Esperanto-grupo en 3ZZZ Franciska

Saluton,
Mi havas la plezuron anonci ke komenciĝis nova Esperanto-kurso en la universitato de la tria



aĝo de la ĉirkaŭurbo Knox. La unua kurso okazis la unuan de majo. Venis kvar entuziasmaj lernantoj. John Fleming decidis lerni Esperanton kaj tiucele kontaktis la Melburnan Esperanto-Asocion por trovi instruiston. Li pacience kaj efike organizis la tuton.
Mi esperas ke la grupo restos ĝis ties membroj scipovos flue uzi la internacian lingvon.
Franciska Toubale



Projekto de Elissa Manley por helpi la infanojn kiuj vivsubtenas sin per trakribrado de rubaĵejoj en Hindio kaj aliaj landoj. Elissa nun ĉeestas la Orana Steiner Lernejon en Kanbero en la 11a jaro. Ŝi havas 17 jarojn.
Ŝi planas marŝi de Novkastelo al Sidnejo laŭ la "Great North Walk" -Granda Norda Promeno –dum la Julia feriperiodo. Ŝi lernis pri la almozfondaĵo "Small Steps" pasintan jaron. Ili helpas infanojn kiuj kolektas de rubaĵejoj por enspezi iomete. Ili ne havas ŝuojn kaj foje suferas pro la danĝeroj en la rubaĵejoj. Elissa planas (kaj nun ekzercas) promeni sen ŝuoj por atentigi aliajn pri la sorto de tiuj infanoj. Donacoj estas uzataj por ŝuoj kaj edukado de la infanoj.



Donacoj riceveblaj ĉe http://www.justgiving.com/Elissa-Manley1 sendas Terry Manley

## Vortoj de "Lernu"

INSIDI

Sekrete prepari ruzan rimedon por trompi kaj malutili:
Tiu vulpo insidas por kapti leporon.
Neniu scias, kia malfeliĉo lin insidas.
La demandoj de la juĝisto estis plenaj je insidoj.
Ŝi preparis insidaĵon kontraŭ alia virino.
Iliaj atakoj estis insidaj.
Li sidis inside en kaŝita loko.
Mi ne fidas ŝin - ŝi estas tre insidema knabino.
Ĉiuj liaj malamikoj estas insidemuloj.
Ĉi-nokte li mort-insidos (li intencas mortigi iun).